

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto “Ĝemelaj Urboj”
Jaro 6 N-ro.1 (20) aprilo de 2007

NOVAĴO

**La unua paro da ĝemela urbo en la mondo**

En februaro 2006 mi hazarde en iu ĉina ttt-ejo trovis raporton pri la unua paro da ĝemela urbo en la mondo, sed la nomoj de la du urboj estis skribitaj per la ĉina lingvo kaj ne estis aldonita la priaj ideografioj de la lingvoj angla kaj franca. Por konfirmi iliajn ĝustajn ideografiojn anglan kaj francan, mi turnis mian peton al <uea-membroj>, <landa-agado>, <lokaj-esperanto-grupoj>, la listoj de UEA ĉe la ttt-ejo yahoogroups. Neadentite tio vokis rapidajn reagojn el s-ino Claude Nourmont en Luksemburgo, d-ro Geoffrey King, s-ro Neil Mackilligin en Britio, s-ro Jean Henin, s-ro Francois Lo Jacomo kaj s-ro Tim Morley en Francio, s-ro Pedro A. Hernandez en Hispanio, s-ro Brian D. Kaneen en Kanado, s-ro Roy McCoy en Nederlando, s-ro Marto Miniĥ en Slovakio, s-ro William R. Harmon kaj s-ro Ros Haruo en Usono. Ili serĉis kaj prezentis rilatajn fadenojn pere de diversaj kanaloj. Post varma diskuto estis konfirmita la fadeno de s-ro Brian D. Kaneen. La du urboj estas **Keighley** en Britio kaj **Poix du Nord** en Francio. La ĝemeliĝa dato estis 1920, ne 1919. Ankaŭ tre valora estas la mencio de d-ro Geoffrey King, ke Keighley estis urbo en kiu naskiĝis la unua brita Esperanto-klubo, kaj lulilo de la Brita Esperanto-movado. La cititaj ttt-ejoj inkluzivis: http://www.aa192.dial.pipex.com/html/twinning.shtml,
http://www.bradford.gov.uk/life_in_the_community/,
http://en.wikipedia.org/wiki/Town_twinning,
http://www.thisisbradford.co.uk/bradford__district/keighley/info/,
http://www.thisisbradford.co.uk/bradford__district/keighley/info/,
http://eo.wikipedia.org/wiki/Britujo:Esperanto-movado,
http://eo.wikipedia.org/wiki/Joseph_RHODES,
http://tianjin.enorth.com.cn/system/2004/08/13/000842412.shtml,
http://news.xinhuanet.com/ziliao/2002-06/18/content_446024.htm

Nome de la komisiito de la projekto mi kore dankas ĉi tiujn samideanojn. Mi jam sendis leteron al la delegito de UEA en Keighley kaj kredas, ke nelonge mi ricevos la respondon.---la komisiito

**Privilegia kadro reakirita**

La rilato inter la Internacia Societo de la Universala Paco (ISUP) kaj la registaro de Burundio reakiris privilegian kadron de kunlaboro, precipe tra la instruado kaj la difuzo de la universala lingvo Esperanto je ĉiuj niveloj kaj en ĉiuj spiritaj kaj materialoj de diversaj homaj agadoj en Brundio. (raportis Numubona Frederik en la 19-a de Julio, 2006).

[**Komentario**] Elkoran gratulon al ISUP kaj la registaro de Burundio. Eduko estas fudamento, apliko estas celo, disvolviĝo estas ĉasado. Mi kaj la projekto “Ĝemelaj Urboj” volonte plifrue vidas la prosperon de Esperanto-afero en Burundio, precipe la progreson en interurba ĝemeliĝo, sub kunpenado de la registaro, ISUP, lokaj Esperantaj organizaĵoj kaj esperantistoj. –la komisiito.

**Kroata ambasadoro en Kioto**

En la 22-a de oktobro 2006 Kioto-Zagreba Asocio, kies membro mi estas, festis 25-jariĝon de la ĝemeliĝo inter la urboj Kioto (Japanio) kaj Zagrebo (Kroatio). Antaŭ 25 jaroj, en 1981, en la sama tago amike ĝemeliĝis ambaŭ urboj.

Kioto-Zagreba Asocio invitis la kroatan ambasadoron en Japanio, d-ron Drago Stanbuk kiel preleganton kun la temo "Ĉarmo pri Zagrebo kaj Kroatio". Prezentante belajn bildojn li prelegis kroate pri la lando, kulturo, popolo, vivo, turismo, kiuj allogis 30 ĉeestantajn urbanojn krom la membroj de la Asocio, kies prezidanto Prof. Fujimura Hiroyuki interpretis japanen. Kvankam mi tute ne lernis la kroatan, sed de tempo al tempo mi komprenetis vortojn, kiuj similas al Esperanto.

Post la prelego en restoracio kunsidis 20 ĉeestintoj kaj pasigis interesan vesperon. D-ro Stanbuk finis Medicinan Universitaton en Zagrebo same kiel s-ro Kreŝimir Barkoviĉ, zagrebo-devena esperantisto, ĝenerala sekretario de SAT en Parizo (ankaŭ ĝemelurbo de Kioto!), kiu prelegis en 2003 en Kioto-Zagreba Asocio kun la temo "Kroata Printempo kaj mi---1971-2003" en Esperanto, kiun mi interpretis japanen. Ĉar d-ro Stanbuk tre ŝatas legi librojn, mi volis donaci la ĉarman infanlibron "Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapiĉ" tradukitan japanen de japana esperantisto el Esperanto, kies originalo estas en la kroata. Li jam havas ĝin donacitan de s-ino Spomenka Štimec en Zagrebo okaze de Universala Ekspozicio en Gubernio Aiĉi, Japanio en 2005. La ambasadoro d-ro Stanbuk klare memoris Spomenkan kiel esperantistinon.

Ankaŭ Prof. Fujimura renkontiĝis kun Spomenka en Zagrebo petite de japana esperantisto transdoni al ŝi la fotilon. La infanlibron mi donacis al lia filo, kiu venis el Zagrebo lerni la japanan lingvon por labori en turisma agentejo kiel japanlingva ĉiĉerono en Kroatio. Prof. Fujimura havas kroatan edzinon kaj kvar filojn en Zagrebo, laboras en Tokio, loĝas en najbara urbo de Kioto, ofte vojaĝas al Zagrebo por ferii kun la familianoj. La filo tre ĝojis pro la libro en la japana, kies komencanto li estas. Kioto-Zagreba Asocio pli kaj pli amikas kun Esperanto kaj esperantistoj.

En 2007 okazos la 92a Universala Kongreso de Esperanto en Jokohamo. Kio okazos inter esperantistoj el Zagrebo kaj Kioto, kiuj partoprenos en la kongreso? (TAHIRA Masako en Kioto)

## La programo de la ĝemelaj urboj en la festo de la centjariĝo

Inter la 10-a kaj 12-a novembro, 2006 Milana Esperanto-Klubo (MEK) solene festis sian 100-an jubileon. En ĝi partoprenis 133 personoj, inkluzive de aŭtoritatoj. La Milana Komunumo disponigis la muzean preleg-salonon kaj donis sian patronecon.

Retrospektinte la feston oni trovis, ke la agado de la ĝemelaj urboj estis unu el la bravaj kaj rimarkindaj programoj. La klubo de la germana ĝemela urbo Frankfurto ĉeestis per sia prezidantino s-anino Monika Finnegan-Reuss kaj alia membro. La E-Kluboj de la ĝemelaj urboj Leipzigo (Germanio), Sankta Peterburgo (Rusio) kaj Ĉikago (Usono) sendis oficialajn gratulojn kaj bondezirojn. Oni tie aŭskultis la prelegojn de d-ro Renato Corsetti, prezidanto de Universala E-Asocio, pri Cent jaroj da Esperanto ekster Milano, nome en la mondo kaj prof. Carlo Minnaja, docento ĉe Universitato de Padovo, pri Lombardaj kontribuaĵoj al la Esperanto-literaturo, kaj raporton pri historio de Esperanto en Milano fare de Ermigi Rodari kaj ĝuis riĉajn aranĝojn ekz. Esperanto-filmoj, Esperanta Teatraĵo, Esperantlingva Meso ĉe historia preĝejo Sankta Sigismondo, vizito en la urbo.

Pri la rilatoj kun la ĝemelaj E-Kluboj de ĝemelaj urboj al Milano, ili estas regulaj ne nur kun la jam cititaj kvar, sed ankaŭ kun tiuj de Barcelono (Hispanio), Sankta Paŭlo (Brazilo), Liono (Francio), Osaka (Japanio) kaj Tel Aviv (Israelo). Kun ili oni korespondas kaj oni sendas al ili nian dumonatan bultenon. Inter ili, tiuj kiuj same eldonas, reciprokas. Kiel kutime la milananoj sendas al ili ĉiuj bondeziran bildkarton, kun ankaŭ la subskribo de la milana komunuma respondeculo pri

ĝemelaj urboj, okaze de la Kristnaskaj Festoj kaj Novjaro. Ankaŭ menciindis, ke la milanaj ges-anoj dum la jaro 2006 plenumis sufiĉe grandan agadon kaj en la urbo mem kaj aliloke, ekzemple okaze de la Universala Kongreso en Florenco. (laŭ raporto de Ermigi RODARI, sekretario de MEK)

**La komisiito elektita invitoto de la 92-a UK**

Por antaŭenigi la Azian Esperanto-movadon kaj stimuli Esperanto-lernon en la kontinento Japana Esperanto-Instituto (JEI) decidis inviti kelkajn esperantistojn el la aziaj progresantaj landoj partopreni en la 92-a UK okazota en la urbo Jokohamo, inter la 4-a kaj 11-a de aŭgusto, 2007, kovrante la tutan vojaĝkoston. La komisiito honore estis elektita kiel unu el 23 invitotoj. S-ro NAKATU Masanori, vic-prezidanto de Esperanto-Societo en Takatuki, aktive reagis al tiu iniciato kaj prizorgos la komisiiton kaj jam faris detalan aranĝon por lia restado en Japanio. S-ro NAKATU Masanori ĉeestis la 1-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj dum la Pekina UK okazita en 2004, kaj tie faris prelegon pri interŝanĝo inter Takatuki kaj la ĉina ĝemelurbo Changzhou.

**La projekto en gazetoj**

La revuo Esperanto intervjuis s-ron Peter Zilvar, prezidanto de Esperanto-Asocio de la Esperanto-urbo (Herzberg) kaj aperigis la enhavon en sia n-ro.1 Esperanto, 2007. S-ro Peter Zilvar en sia respondo jesis, ke, tio estis turnpunkto dum la longdaŭra poresperanta aktiveco, ke Esperanto estis rekomendata kiel pontlingvo por la ĝemelurbaj kontaktoj inter Herzberg kaj Góra en Pollando.

En n-ro. 1 Vekilo, Klubgazeto de esperantistoj en Tampere regiono, 2007 oni povas legis kontribuaĵojn de samideanoj el la ĝemelaj urboj. Aprecinte la poemon "Aŭtuno" de s-ino Lászlóné Pásztor en Miskolc (Hungario), vi sentas ritmon de aŭtuno, koloron de aŭtuno, imagon de aŭtuno…, En la citita artikolo "Esperanto-monumento en Linz renovigita" skribita de Jindřich Tomišek por n-ro.4 Starto/2006, organo de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, sendita de amiko en la ĉeĥa ĝemelurbo Olomouc, oni sciis pri la historio de Esperanto-monumento en la aŭstria ĝemelurbo Linz. La solenan inaŭguron de la renovigita Esperanto-monumento okazitan en la 3-a de oktobro 2006 partoprenis kelkaj oficialaj gastoj, reprezentantoj de la urbo Linz kaj kelkdek esperantistoj el Aŭstrio kaj el najbaraj landoj Ĉeĥio kaj Italio. La urbestro d-ro Franz Dobusch solene malkovris la Esperanto-monumenton, d-ro Romano Bolognesi, prezidanto de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) faris skizan paroladon. En la raporto pri vizito de Paula Niinikorpi kaj Robert Bogenschneider el Germanio menciis la kunportitan leteron de novaj amikoj el Essen, la germana ĝemelurbo. Cetere ankaŭ menciis, ke la Tampereaj esperantistoj estas aktive preparantajn sin por la 100-jara jubileo de Esperanto-Asocio de Finnlando okazota en la 28-a de aprilo, 2007.

En n-ro.1-2 Informilo de Ĉina Esperanto-Ligo, 2007, estis raporto pri la jarkunveno de Tianjin-a Esperanto-Asocio (TEA). En ĝi menciis, ke sendi la delegacion de TEA viziti sian japanan ĝemelurbon Kobe estos unu el la ĉefaj laborplanoj de 2007, okaze de la Jokohama UK.

URBA STILO KAJ TRAJTO

**Urba historio**

La urbo Jokohamo, la registara sidejo de la gubernio Kanagaŭa, situas meze de japanaj insuloj fronte al Pacifiko, kuŝas ĉe la okcidenta flanko de la Golfo de Tokio. Ĝi estas la dua plej granda urbo kun areo de 435 $km^2$ kaj loĝantaro de 3,559,226 (en 2004). Tieaj plej alta kaj malalta temperaturoj estis 31.9 gradoj kaj 1.3 celsiaj gradoj respektive.

La nomo de Jokohamo signifas origine larĝan strandon. Ĝi estas ĉefa orienta enirejo al Japanio. Ĝia haveno estis malfermita por eksterlanda komerco en 1859. En la erao Edo (1603-1868) dum ĉ.

250 jaroj Japanio fermis sin kontraŭ eksterlando escepte de Ĉinio kaj Nederlando. Siatempe Jokohamo estis kvieta kaj malgranda fiŝvilaĝo proksime de Tookaidoo, la ĉefvojo inter Edo (nuna Tokio) kaj Kioto. Ĝi situis kiel pordo al Edo kaj havis bonan terenon por haveno. Poste sub la forta premo de Usono per usona militŝiparo *Kurofune* (Nigraj Ŝipoj), la japana registaro traktis negocon kun Komodoro M. C. Perry (Peri) kaj finfine decidis ŝanĝi la izolisman politikon. Tiam oni elektis la urbon Jokohamon kiel unu el unuaj internaciaj havenoj. Ekde la malfermiĝo de la haveno, Jokohamo fariĝis ĉefa pordo de Japanio ĝis la Dua Mondmilito. Tra ĝi multe da okcidentaj kulturaĵoj envenis en Japanion.

Kvankam Jokohamo ne havas tiel longan historion kiel Nara, Kioto kaj Kamakura, la eksaj ĉefurboj de Japanio, tamen oni ankoraŭ povas ĝui diversajn konstruaĵojn reflektantajn diferencajn kulturojn, ekz. Budha statuego, okcidentaj domoj, la ĉina kvartaro, konstruaĵoj simbolantaj modernigojn de Jokohamo ktp.

**Esperanto-movado**

Jokohama Esperanto-Rondo (JER) kun karesnomo Hama-Rondo estas la oficiala Esperanto-organizaĵo en la urbo. Ĝi fondiĝis en aprilo 1968. La membroj progrese atingas nunajn ĉirkaŭ 90 de la originaj 13 personoj. JER havas kompletan laboran sistemon. Ĉiujare regule okazas rudimentaj kursoj, daŭrigaj kursoj, legkunsidoj, jarkunveno, Hamaronda vespero, kunveno de Administra Komitato ktp. La Tamtamo (japane kaj Esperante) kaj Novaĵoj Tamtamas (Esperante) estas du periodaĵoj de JER kaj aperas 11 foje jare, i.a."Novaĵoj Tamtamas" estis sendata al plia cento da esperantistoj alilandaj. La viglecon de tiea movado ankaŭ la eldonaĵoj de JER, ekz. "Hanako lernas Esperanton", "Ekzercoj-Hanako lernas Esperanton", "Gvidlibro pri JOKOHAMO-havenurbo nova kaj malnova", "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio", teksto de deklama dramo "La somero de ĉi tiuj infanoj- Hiroŝimo kaj Nagasako en 1945", "Hiroŝimo en la 6a de aŭgusto-Hibakŝoj post la tago” ktp.

**Ĝemelaj urboj**

Dum dudek jaroj (1957-1977) Jokohamo entute ĝemeliĝis kun 8 urboj, ili estis : San Diego (Usono), Lyon (Francio), Mumbai (Indio), Odessa (Ukrainio), Vancouver (Kanado), Manila (Filipinoj), Shanghai (Ĉinio), Konstanco (Rumanio). Krome ĝi havas 5 ĝemelajn havenojn, t.e. Oakland (Usono), Vancouver (Kanado), Shanghai (Ĉinio), Hamburgo (Germanio). JER tenas interfluojn kun Esperantaj kluboj en ĝemelurboj de Jokohamo, ekz. Odeso de Ukrainio, Liono de Francio, kaj kontakton kun ĝemelklubo en Pusano de Koreio.

INTER ĜEMELAJ URBOJ

**Okazis la jarkunveno de ĝemelaj urboj en Troyes**

De la 25-a ĝis la 28-a de majo 2006 la gesamideanoj de Alkmaar (NL), Darmstadt (DE) kaj Chesterfield (GB) renkontiĝis en la urbo Troyes (FR) okaze de la ĉiujara kunveno de tiuj ĝemelaj urboj. La grupo Esperanto 10 (Troyes) preparis la gastigadon kaj la programon de tiuj 4 amikaj tagoj. 56 gesamideanoj partoprenis la diversajn aranĝojn de tiu renkonto: fabrikmaniero de andujetoj, vizito al ĉampana kelo kaj gustumo de tiu fame konata vino, informoj pri malnovaj libroj, vizito en la urbo Troyes, vizito de unu antikva situo, vizito de la vilaĝo kie vivis kaj pentris Jean Renoir, piedpromenado inter vinberistaj ŝtondometoj, komuna kantado, fabriko de verda stelo per origamo k.t.p. Tiu agrabla etoso permesis al ĉiuj ĉeestintoj la praktikon de nia komuna lingvo kaj oni interpromesis estontan renkonton, venontjare, eble en Darmstadt. (raportis Daniel Perard - Sekretario de Esperanto 10)

## Mia vizito en Stuttgart

**Vendredo, tago unua**

Post la tagmanĝo Rainer decidis montri al ni ĉiuj la urbon. La pulsantan koron de Stuttgart formas la longa strato Königstraße ("Reĝa strato"), kiun bordas diversaj butikoj kaj restoracioj kaj kiu estas la plej longa piedirzona strato de Eŭropo. Meze de tiu strato troviĝas arboj kaj benkoj, sur kiujn eĉ vintre fojfoje sidiĝas homoj por ripozi rigardante la preterpasantan vivon de tiu plej tumulta loko de Stuttgart. Stuttgart estas la ĉefurbo de Baden-Virtembergo, unu el la 16 federaciaj landoj de Federacia Respubliko Germanio. Ĝi estas la sidejo de eĉ du germanaj aŭtofabrikoj - Mercedes Benz kaj Porsche. Cetere, la stuttgartanoj jes konsciis pri la ĉeĥa deveno de Ferdinand Porsche, la fondinto de unu el ili. Same bone evidente ĉiuj enloĝantoj konscias ankaŭ pri la ĝemeleco de sia urbo kun Brno. La kialo por tio devas esti la nepreteratentebla kompasa rozeto pentrita sur la pavimo de la strato en unu rondforma placeto, kie la strato iom plilarĝiĝas. Tiu surtera kompaso montras sur imaga cirklo ĉiujn dek ĝemelurbojn de Stuttgart - ĉiu urbo estas prezentita per blazono, nomo de la urbo kaj la lando, kaj sia distanco de Stuttgart. Aldone, ĉiu blazono troviĝas en tiu direkto de la centro, en kiu ĝi vere situas. Laŭ tio oni povas ekscii, ke Stuttgart havas ĝemelurbojn vere en ĉiuj anguloj de la mondo.

La reston de la tago ni pasigis komune trarigardante la urbon. Ni vizitis ekspozicion de moderna arto en la arta muzeo, kiu troviĝas en moderna nekonvencia kubforma vitra konstruaĵo tuj ĉe la ĉefa placo. Poste ni daŭrigis per promeno tra la urbo, kie ni i.a. vizitis la korton de la malnova urba palaco aŭ preteriris la naskiĝdomon de germana filozofo Georg HEGEL. Post tagmanĝo en loka restoracio ni revenis en la urbocentron kaj pasigis tie agrablajn momentojn ĝuante la etoson de la kristnaska foiro ("Weihnachtsmarkt"), kiu estas tradicia elemento de antaŭkristnaska tempo en preskaŭ ĉiuj grandaj urboj de la germanparolantaj landoj. La foiro konsistis el pluraj dekoj da standoj, en kiuj oni vendis tradiciajn varojn, kiel mielkukojn, kandelojn, lignajn ludilojn, kolbasojn, vaflojn, punĉon aŭ ardan vinon. Specialaĵo de tiu stuttgarta kristnaska foiro estis granda ĉirkaŭbarita glacia tereno destinita por publika sketado. Ĉie aŭskulteblis bela kristnaska muziko, homoj vagadis de stando al stando, staradis en la stratetoj kaj babiladis kun amikoj ĉe tasoj da varma trinkaĵo. La foiraj budoj ĉi-jare estis speciale belaj, ĉar la urbestraro okazigis konkurson por premii la standon kun plej ĉarma tegmenta ornamo. Pro tio des pli bedaŭrinda fariĝis la akcidento, kiu okazis ĉe la foiro vendrede matene, kelkajn minutojn antaŭ nia aliro al la ĉefa placo, kiam eksplodis gasa ujo en unu stando (kvankam uzado de gaso por hejtado estis malpermesita ĉe la foiro) kaj tiusekve vundiĝis tri homoj kaj pro la ekestinta fajro komplete forbrulis du foiraj standoj. La posedanto de la stando najbara al tiu, kie la fajro ekis, kies stando ankaŭ forbrulis pro la fajro, tamen ne perdis la esperon kaj fariĝis loka heroo - dum nokto li konstruis standon novan, alportis novajn varojn kaj la sekvan tagon matene vendado jam denove komenciĝis ĉe li.

Dum la vespero de tiu tago mi ankoraŭ travivis ekscitan epizodon serĉante por mi loĝiĝon por la nokto. Dum kelkaj horoj mi restis sola en la urbo kaj senpacience atendadis SMS-mesaĝon de la estro de la loka esperanto-klubo Martin SCHÄFFER, kiu, kiel oni diris al mi, sciigos min pri tio, kiu loĝigos min dum tiu nokto. La pilo de mia poŝtelefono aldone ne plu estis sufiĉe ŝarĝita, tial mi povis kontroli la telefon nur de tempo al tempo. Finfine mesaĝo alvenis iam ĉirkaŭ la oka horo vespere kaj mi en ĝi ricevis de Martin en tre konciza formo ĉiujn bezonatajn konsilojn: "Iru de tiu stacio per tiu metroa linio ĝis tiu stacio, dume ŝanĝi la trajnon en tiu alia, kaj poste trovi tiun ĉi adreson, kie loĝas sinjoro Bormann, ĉe kiu vi hodiaŭnokte tranoktos." Jen tasko eble malfacila por

iuj homoj, sed mi, jam iom spertiĝinta pro antaŭaj vizitoj en eksterlando i.a. pro partopreno ĉe diversaj internaciaj renkontiĝoj de esperanto-parolantoj, kuraĝe ekprenis la instrukciojn kaj bonŝance baldaŭ atingis la domon de familio Bormann. Mi ne scias kial, sed, eĉ se preciza adreso al mi mankis, serĉante loĝejojn de esperantistoj en fremdaj urboj mi ankoraŭ neniam maltrafis. Thomas Bormann estas aktiva germana esperantisto, kiu lernis esperanton jam de sia patro. Lia edzino ankaŭ parolas esperanton kaj ili havas du malgrandajn infanojn, kun kiuj mi iom ludis kaj babiletis per mia malforta germana dum kiam mi ricevis de la gepatroj ion por vespermanĝi. Poste mi ankoraŭ kun Thomas spektis televidon, ĉar dum tiu vespero oni lotumis la grupojn por la futbala mondĉampionado, kiu okazos junie en Germanio kaj en kiu kaj Germanio kaj Ĉeĥio ludos. Stuttgart ankaŭ estas unu el la organizantaj urboj kaj en ĝi okazos eĉ la matĉo pri la tria loko. Gesinjoroj Bormann pro scivolemo aĉetis biletojn por la unua matĉo okazonta en Stuttgart, kaj dum la elsendo eksciis, ke verŝajne temos pri alloga matĉo inter Francio kaj Svislando, kiuj ambaŭ geografie tre proksimas al Sttutgart.

**Sabato, tago dua**

Sabate matene post matenmanĝo mi pakis mian dormosakon kaj ekis al la urbocentro, malsuprenirante la monteton sur kiu la domo de Bormann troviĝas, kio donis al mi eblecon de bela rigardo al vasta parto de la vekiĝanta urbo. La unua tasko por tiu tago, kiel komunikis ĝin al miaj gastigintoj matene telefone la ĉeforganizanto Martin SCHÄFFER, estis renkonti iun homon kiu alvenos por mi en la turistan informcentron ĉe Königstraße. Post iom da atentado sur tiu loko unue mi renkontiĝis kun la kvinopo de la poloj, kiu tranoktis en la domo de Martin kaj kun kiu mi poste ĝisatendis la alvenon de Alexander GREßMANN - alia esperantisto el Stuttgart. Por li estis malfacile rekoni nin, ĉar li ankoraŭ neniam antaŭe vidis nin, kaj same estis ĉe nia flanko. Tamen, ĉar ni dume sidis apud la ĉefa enirejo kaj babilis inter ni en esperanto, li bonŝance povis preterirante facile rekoni nin simple laŭ la lingvo.

Kun Alexander ni unue vizitis ekspozicion en la stacidoma turo kaj poste planis foriri trajne por iom trarigardi ankaŭ la ĉirkaŭaĵon de Stuttgart. En la turo de la granda trajna stacidomo de Stuttgart troviĝas nun sur kelkaj etaĝoj ampleksa ekspozicio pri projekto nomata "Stuttgart 21". Estas ironie, ke celo de tiu projekto estas tre simila al tio, kion oni planas fari pri la trajna stacidomo en Brno - nome transloki ĝin al pli taŭga loko - por plifaciligi la transportan sistemon kaj samtempe por akiri novajn allogajn terpecojn en la urbocentro. La ununura diferenco estas, ke dum en Brno oni planas transloki la stacidomon for de la urbocentro, en Stuttgart oni volas subterigi ĝin tiel, ke ĝi fakte restos sur la sama loko, nur subtere, kaj oni kondukos per tunelo la relojn al kaj de ĝi. Tiel trajnoj ne plu bezonos "turniĝi" en la nur-unudirekta stacidomo, kiel estas nun, kaj ĉe la granda spaco kiun la arealo nun okupas, oni konstruos novan modernegan urbokvartalon kun grandioza biblioteko meze kaj firmaoj, loĝejoj kaj kulturaj institucioj ĉirkaŭe. -- Marek BLAHUŠ (daŭrigota)

## SERVA PLATFORMO

Pasintjare la revuo Esperanto raportis ilin, famaj muzikistoj de Maŭricio kiuj lernas Esperanton kaj pere de ĝi klopodas konigi al la mondo sian kuturon kaj muzikajn stilojn, kaj samtempe mi ricevis peton de s-ro Stefano Keller, motoro de la Agado Esperanto en Maŭricio pri aperigo de tiuj informoj en nia revueto. En la peto li alvokas, ke Esperantistoj el ĉiu kontinento, dezirantaj vojaĝi al Maŭricio (feriado, partopreno en prelegoj kaj en esperanto-instruado), bonvolu kontakti: esperanto-en-mauricio@kontakto.info Ĉi tie mi kore esperas, ke la esperantistoj en la ĝemelaj urboj de Maŭricio aktive konsideru tion kaj reagu al tiu alvoko.—la redaktoro.

